19-a JARO. N-ro 2 (200) MARTO-APRILO 1933.

# BELGA ESPERANTISTO


## MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.


## BELGA LIGO ESPERANTISTA

### ĜENERALA KUNVENO 1933

Karaj Geliganoj!

Ni havas la honoron inviti vin por ĉeesti la Ĝeneralan Kunvenon de « Belga Ligo Esperantista », kiu okazos en Bruselo dimanĉon, 4an de Junio 1933, je la 11a h. matene en la salono de « La Cigno », Granda Placo 9, Bruselo.

*TAGORDO:*

1. Malferma alparolo de la Liga Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. 25a Universala Kongreso en Kolonjo.
5. U.E.A. agado en 1932. Raporto de la Ĉefdelegito.
6. La reorganizo de la Universala Esperanto-Movado.
7. Nia estonta agado. Esploro de la propagandaj rimedoj.
8. « Bonhumoro », laŭ la libro de Paul Nyssens, parolado de F-ino Yvonne Thooris, prezidantino de la Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista.
9. Diversaj proponoj kaj komunikaĵoj.

Ni faras varman alvokon por ke oni ĉeestu multnombre nian jaran kunvenon. Oni profitu la okazon por pasigi du agrablajn tagojn en Esperantujo, kie oni enspiras la puran aeron, kiu igas la korojn pli altaj, kiu incitas al bono, al toleremo kaj al grandanimeco!

Ni do kalkulas je granda ĉeestantaro kaj intertempe ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

Je l'nomo de « Belga Ligo Esperantista »:

*La Ĝenerala Sekretario,*
Henri PETIAU.

*La Prezidanto,*
Frans SCHOOFS.

# XXIIa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO
BRUSELO, 3-5 JUNIO 1933

## PROGRAMO

### Sabaton, la 3an de Junio

*Je la 16a h.:* Malfermo de la Akceptejo en la kafejo « La Sako », Granda Placo, 4.

*Je la 20a h.:* en la salono de la sama ejo: Kunveno de la Komitato de Belga Ligo Esperantista. Temo: La Interkonsento de Ĝenevo de la 22a de Majo. Diskuto.

*Je la 21a h.:* en la salono de la sama ejo: Ĝenerala laborkunsido de la membroj de Belga Ligo Esperantista: Libera tagordo. — Poste: Intima kunesto.

### Dimanĉon, la 4an de Junio

*Je la 8a h.:* Katolika Diservo en la kapelo de St. Louis, rue du Marais, Broekstraat, kun prediko en Esperanto de Patro De Cort.

*Je la 9a h.:* kunveno kontraŭ la Instituto St Louis.

*Je la 9 h. 30:* Demeto de floroj sur la tombo de la nekonata militinto.

*Je la 10 a h.:* Oficiala akcepto en la Urbodomo.

*Je la 11a h.:* Solena malfermo de la Kongreso en la salono « La Cigno », Granda Placo 9. — Ĝenerala kunveno de Belga Ligo Esperantista. Post la kunveno fotografado de la kongresanoj.

*Je la 13 h. 30:* Festeno en la salono « La Cigno », Granda Placo 9. Prezo: Fr. 25,—. (Trinkmono inkluzive).

*Je la 17a h.:* Kunveno de la U. E. A.-membroj « Belga Teritorio », en la salono « La Sako », Granda Placo, 4.

*Je la 20a h.:* en la salono « La Cigno »: Koncerto kaj Teatra Festo kun la kunlaborado de la teatra sekcio de la « Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista », kiu ludos la teatraĵeton: « KUZETO » de M. Balucki, el pola lingvo tradukita de S. Grenkamp.
Post la prezentado okazos Dancado.

### Lundon, la 5an de Junio

EKSKURSO AL LA « PENTRINDA BRABANTO » (Linkebeek):

*Je la 9 h. 30:* Kunveno en la Akceptejo.

*Je la 10a h.:* Forveturo de Placo Rouppe per elektra tramo al Espinette Promenado en la arbaro (Forêt de Soignes — Zoniënbosch).

*Je la 13a h.:* Komuna tagmanĝo en la « Laiterie de Fond'Roy », Placo de la Sankta Alianco. (Prezo Fr. 15.— trinkmono inkluzive.)
Poste promenado al Linkebeek tra la regiono konata sub la nomo « Pentrinda Brabanto ».
La reveturo al Bruselo povas okazi laŭvole el la stacidomo de Linkebeek per vagonaroj forirantaj je 18h.10 — 18h.33 — 18h.51 — 19h.26, alvenantaj en Bruselo-Suda Stacidomo respektive je 18h.25 — 18h.44 — 19h.04 — 19h.38. Prezo de la vojaĝbileto: Fr. 2,—.

*Ne forgesu, per revenanta poŝto resendi al la Loka Organiza Komitato vian aliĝon kaj al poŝtĉekkonto N-ro 1119.10 vian Kongreskotizon Fr. 15,—, vian partoprenon en la festeno Fr. 25,— kaj en la komuna tagmanĝo Fr. 15,—.*

Kiel la antaŭajn jarojn, la kongresanoj ricevas karton, per kiu ili akiras rabaton de 35 % sur la prezo de la fervoja bileto.

BELGA LIGO ESPERANTISTA

# XXII$^{a}$ Belga Kongreso de Esperanto

**BRUSELO — PENTEKOSTO 1933**

**Dimanĉon, la 4an de Junio 1933, je la 8a vespere**

## ARTA VESPERFESTO

Organizita de BELGA FESTORGANIZA KLUBO
en la salono « LA CIGNO ».

### PROGRAMO

1. *La Espero* . . . . . F. de Ménil.
2. *Scherzo N° 2 op. 31* . . F. Chopin.
(F-ino E. Feretelli)

3. **LA VIRINO**

Unuakta komedio de GRENET DANCOURT tradukita de *L. Cogen*

Sinjoro Ducornet } *paroladistoj.* S-ro Iks.
Sinjoro Lagneau } S-ro Igrek

4. *Studo de Koncerto* . . G. Pierné.
(F-ino E. Feretelli)

5. **KUZETO**

Scena bagatelajo en unu akto, de M. BALUCKI.
(El la pola lingvo tradukis: S. GRENKAMP)
ludota de la teatra sekcio de la BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA
*Reĝa Societo*

PERSONARO:

LUCIO . . . . . . . . . F-ino Yvonne Thooris.
ADOLFO . . . . . . . . S-ro Charles Poupeye.
ZENO . . . . . . . . . S-ro Joseph Decoster.

Reĝisoro kaj sufloro: S-ro Charles Decoster.

**DANCADO.**

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ",** s.s.p.c. — La 4an de Marto okazis diskutado pri la de S-ro H. Boffejon farita parolado pri « Individualismo ».

La unuan de Aprilo, S-ro De Ketelaere donis tre interesajn detalojn pri la temo : « Lingvaj kuriozaĵoj » kaj komencigis siajn perfektigajn ekzercojn : li nome uzas la unuan kvaronhoron de la kunveno por respondi al demandoj kaj por liveri detalojn pri malgrandaj gramatikaj detaloj. Ni tuj diru, ke tiu parto de la kunsido estas tre ŝatata de la ĉeestantoj. — En tiu sama kunveno estis inaŭgurata alia novaĵo : iu membro, antaŭe indikita, faras raporton en Esperanto pri la diversaj faktoj okazintaj dum la pasinta semajno en la urbo, en la lando kaj en la mondo ; la unuan tielnomitan « parolatan gazeton » prezentis S-ro Schoofs. Tuj la membroj komprenis, kiel utila povas esti por ili tia parol-ekzerco, kiun ĉiu raportanto povas koncepti laŭ sia maniero, kaj decidis daŭrigi ĝin en ĉiu estonta kunsido. — En ĝenerala kunsido, kiu havis lokon la saman vesperon, S-ro Schoofs sciigis, ke la laborkomitato por 1933 estas kunmetita kaj ke ĝi elektis S-ron H. Boffejon, Direktoro, S-ron M. De Ketelaere, vic-direktoro, kaj Georges Van den Bossche, sekretario. — La 8an, post la perfektigaj ekzercoj kaj post la parolata gazeto farita de S-ino L. Faes-Janssens, oni havis kantadon kaj amuzigan kuneston. — Je la 11-a estis malfermata nova elementa kurso, kiun gvidas en sia magazeno S-ro Aug. Faes. La partoprenantoj ne estas multnombraj. Tio instigu ĉiujn membrojn de la grupo por pli intensigi sian propagandon inter familianoj kaj amikoj ! — La 15-an : Perfektigaj ekzercoj, parolata gazeto de F-ino Hofkens kaj tre interesa kaj multdetala klarigado de S-ro Boffejon pri « La Paskotagoj kaj paskaj kutimoj ». — La sekvantan sabaton, la 22an, Gesinjoroj Faes refoje gastigis la geamikojn por gramofonkoncerto, je kies fino S-ro Boffejon, Direktoro, je la nomo de ĉiuj ĉeestantoj, kore dankis pro la bonkora akcepto kaj pro la interesaj informoj pri la aŭditaj diskoj. — Je la 29a de Aprilo, diplomoj kaj premioj estis disdonitaj al la lernantoj el la lastaj kursoj organizitaj de la grupo. Akiris diplomon : F-inoj Helena Hofkens kaj Magda Van Stratum, el la kurso de S-ro L. De Hondt ; S-ino kaj S-ro Van Bennekom-Reynen, el la kurso de F-ino M. Jacobs ; S-roj Henri Sielens, Jacques Molenaar, F-ino Mathilde Hofkens, S-ro Charles Verlinden kaj F-ino Julia Dubois, el la perfektiga kurso de S-ro M. De Ketelaere. Bonvenigis la ĉeestantaron kaj gratulis la laŭreatojn la prezidanto de la Administrantaro, post kio S-ro Boffejon, Direktoro de la Laborkomitato, raportis pri la rezultato de la diversaj ekzamenoj kaj donis la necesajn konsilojn al la novaj esperantistoj por la plua praktikado de la lernita lingvo. Tiam S-ro Van den Bossche legis la nomojn de la laŭreatoj, al kiuj la estraro transdonis diplomojn kaj premiojn. S-ro De Ketelaere, je la nomo de la juĝantaro aldonis kelkajn konsiderojn pri la pli profunda lingva studo de Esperanto. S-ro Sielens, dankis nome de la lernintoj, la profesorojn kaj juĝantojn. Kaj lasta parolado estis farita de S-ro Schoofs por esprimi la dankon de la grupo al la instruistoj, al la juĝantaro kaj al la delegito de U.E.A. en Antverpeno, S-ro Vermandere, kiu dediĉis apartan premion al unu laŭreato el ĉiu kurso. Poste finigis la vesperon tre agrabla kaj gaja dancfesto.

**AALST. — B.L.E. Sekcio Aalst-Alost.** — Dum la monatoj Februaro, Marto kaj Aprilo, ni povis kun ĝojo konstati, ke la laboremo de niaj gemembroj tute ne malaltiĝis. Male, ni ne hezitas diri, ke ĝi ĉiam kaj ĉiam kreskas. — Doni detalan kronikon pri nia agado postulus tro da loko, kaj ni nur elĉerpas el nia raportlibro kelkajn menciindajn faktojn. La 2an de Februaro, organizo de nova propaganda agado per disdono al interesuloj, de « ruĝaj broŝuroj » akiritaj per mono ĉerpita el nia ŝparkaso, tiel ke tiu propagando neniom kostis al la grupo mem. — La 16an de Febr., gaja dancvespero kaj ... danckurso arangita laŭ la principoj de nia Prezidanto: « fari ĉion grandskale ». Estis nome... nur... la danc-ĉampiono de Flandrolando, kun sia ĉarma edzino, kiu gvidis tiun... kurson. — Je la 23a de Februaro nia Sekretario legis kelkajn paĝojn, tradukitajn de li mem, el la angla verko « Three Men on the Bummel ». — La 16an de Marto okazis la inaŭguro de niaj « proverbo-vesperoj », kiujn okupas serĉado por taŭga kaj precipe proverbe-aspekta traduko de nacilingvaj proverboj. S-ro Symoens iĝis laŭreato de la unua vespero per sia esperantigo de: « de naam van een gek vindt men op elke plek », tiel: « Kie malsaĝulo pasas, ĉiam sian nomon lasas ». — 23an de Marto: bone sukcesinta kantvespero, direktata de F-ino Maria Verspaille kaj S-ro Legrand. — La 6an de Aprilo ni decidis partopreni la Komercan Foiron, kiu okazos en nia urbo dum la monato Julio: efike nin helpos en tiu fako nia nova membro, S-ro Schouppe. — La 20an de Aprilo meritas specialan mencion. Tiun vesperon okazis nome la parolado de F-ino Yvonne Thooris pri « Interna Trezoro », temo kiun ŝi ankaŭ pritraktos dum la nacia kongreso, kaj kiun ni do, pro diskreteco, ne plie disvolvos ĉi tie. Estis nia plej sukcesa vespero: ĉeestis ĝin, krom multnombraj membroj de la du aliaj lokaj grupoj kaj de la nova grupo el Lede, kies delegitaro estis proksimume dekkvinopa, S-ro L. Cogen, Vic-prezidanto de BLE kaj lia edzino. Nia Prezidanto, Kapitano Van Wanseele, esprimis al F-ino Thooris nian sinceran dankon kaj nian unuaniman deziron, baldaŭ revidi ŝin en nia mezo.

Nia biblioteko pliriĉiĝis je rimarkinda dokumentaro, nome la kompleta kolekto de « Belga Esperantisto », de ĝia apero ĝis la lastaperinta numero. Tiun unikan kolekton al ni donacis nia Prezidanto.

**EDEGHEM.** — De la monato Aprilo grupo de dudeko da junuloj organizis kurson de Esperanto, kiu okazas ĉiumerkrede en la komunuma lernejo; ĝin gvidas S-ro Hector Vermuyten, el Antverpeno, al kiu ni deziras grandan sukceson.

**BOOM.** — Okazas kurso de Esperanto por la membroj de la Sindikata Junularo, Sekcio Boom, kiu akiris por tio ejon en la komunuma lernejo. La kurso estas gvidata de S-ro Emiel Willekens, el Antverpeno.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista. — Reĝa Societo.** — La kunveno de la 18-a de Aprilo okazis en la grupa sidejo — pro nedisponebleco de la ordinara kunvenejo — kaj estis uzata por interparolaj ekzercoj. En la sama ejo okazis la 25-an de Aprilo la ĉiumonata kanta vespero.

La unuaj kunvenoj de Majo estis grandparte dediĉataj al la organizo de la Bruĝa partopreno en la 22-a Belga Kongreso, koncerne aliĝoj kaj ludado de la teatra sekcio.

La 16-an de Majo okazis la prokrastita ĝenerala kunveno de U.E.A. (Bruĝo). La loka delegitino, F-ino Yvonne Thooris, raportis pri la servoj, kiujn ŝi povis plenumi dum 1932, kaj profitis la okazon por propagandi favore de nia tutmonda asocio. — Post tio sekvis raportado de S-ro Ch. Poupeye pri la kunveno de la Liga Komitato okazinta en Bruselo la 14-an de Majo.

Ni notu, ke pro provizora foresto de S-ro Henri Braekevelt kaj baldaŭa soldatiĝo de S-ro Joseph Decoster, S-ro Gustave Mestdagh, de 18-4-33, anstataŭas ilin kiel bibliotekisto kaj deĵoras en la grupa sidejo, « Gouden Hoorn », ĉiumarde de 19 h. 30 ĝis 20 h.

**LIEĜO-CHÊNÉE-SCLESSIN.** — La 29-an de Januaro pasinta okazis en Lieĝo la ĉiujara ĝenerala kunveno de S.L.P.E., kiu celis la konigon de la finjaraj raportoj kaj la aranĝon de la programo de la sekvontaj monatoj. Belga Esperantisto, kies sindonan Direktoron ni havis la plezuron akcepti ĉe ni tiuokaze, sufiĉe detale raportis pri nia tuta agado por ke ni ne bezonu komuniki tie ĉi ion plian pri ĝi. Ni tamen menciu, por ke la aliaj grupoj eventuale ankaŭ uzu la rimedon, ke nia financa situacio, tre grave ŝanceligita pro nia partopreno en la universala ekspozicio de 1930, fine nun estas rebonigita dank'al la granda sukceso de niaj kursoj kaj precipe per la disvendo de propagandkartoj je 1 fr., kiu sole havigis al ni ĝis nun sumon de ĉ. 450 frankoj. Ĉar ni ne plu tiel ege bezonas monon, ni iom plibonigos la sistemon donacante kun ĉiu karto propagandfolion aŭ broŝureton (kiel Premier Manuel).

De tiu dato, krom la daŭrigo de nia instruado, nenio estis speciale notinda.

Nun la kursoj finiĝas, kiel kutime, kun sufiĉe grava plimalgrandiĝo de la nombro de lernantoj (restas sume en niaj regulaj kursoj ĉ. 20 personoj), kaj la ekzamenoj baldaŭ okazos laŭ jena programo: en Lieĝo, la 23-an de Majo, por la kursanoj de Chênée kaj Liége-Hocheporte; en Sclessin, la 26-an de Majo, por la kursanoj de Jemeppe kaj Sclessin.

En « Cercle Polyglotte », la studa periodo ankaŭ finiĝas kaj la restantaj 3 lernantoj trapasos la ekzamenon la 18-an de Majo.

En Asocio de Diplomitoj de Industria Lernejo en Seraing, la konkurso okazonta la 2-an de Junio estas partoprenota de deko da personoj.

Kaptante tiun okazon de fino de kursoj, la grupoj reorganizas siajn perfektigajn kunsidojn, en kiuj la ĉefa celo estas interparoladi, praktiki la lingvon per legadoj, ludoj kaj ankaŭ per verko de ĉiuspecaj tekstoj, kies plej bonaj estos destinataj por la ĵurnalo. En Chênée, la kunvenoj jam rekomenciĝis kaj okazas ĉiulunde ĉe F-ino Baiwir. En Sclessin, la afero ekfunkcios tuj post la ekzamenoj, t.e. en la unuaj tagoj de junio. En Lieĝo, la grupa komitato estas ankaŭ invitita preni ĉiujn necesajn aranĝojn por simila reorganizo. Krom tio, S. L. P. E. pristudas la aranĝon de specialaj kunvenoj komunaj por la tri grupoj, dum kiuj okazus parladetoj aŭ prelegoj kun ĝeneralaj priparoloj.

**LEDE.** — **" Esperanta Stelo ".** — La Cseh-metoda kurso gvidita de la simpatia S-ro De Kegel, el Aalst, finiĝis la 18an de Marto. Nur kvardek horojn li bezonis por fari el ni infanojn de la Esperanto-Movado. Grandan sukceson en mallonga tempo! Li kunportis la korajn gratulojn de ĉiuj lernintoj, kiuj decidis starigi lokan grupon. Tio okazis la 25an de Marto. Tiun vesperon naskiĝis « Esperanta Stelo ». S-ro De Kegel ĉeestis la fondon. La celo de nia grupo

estas inter ni daŭrigi la studon de la lingvo kaj poste milde propagandi la belajn idealojn de Esperanto, precipe la pacan celon. Kunvenoj okazas dusemajne. Per ekzercoj, legadoj, paroladoj kaj kantoj ni akiras grandan vortaron kaj lernas la praktikadon. La membroj energie laboras por la progreso, por siaj idealoj kaj esperas, ke la samideanojn kiujn ili nun salutas, ili baldaŭ pli bone konos. La sekretario de la nove fondita grupo estas S-ro J. De Neef.

## NIA FAMILIA KRONIKO

### GRATULOJ

Al S-ro **Eug. Seghers,** el Mortsel, membro de « La Verda Stelo » kaj Del. de UEA, kiu edziĝis la 29an de Aprilo kun Fraŭlino Lea Maes, el Viersel.

Al S-ro **Karel Ameryckx** kaj Fraŭlino **Maria Willé,** membroj de « La Verda Stelo », el Antverpeno, kiuj geedziĝis la 8an de Aprilo.

### NEKROLOGO

**John Mabon Warden,** el Edinburgo, mortis la 7an de Marto 1933 en sia 77a jaro. Li estis prezidinto kaj honora prezidanto de Brita Esperantista Asocio kaj, de 1931, Prezidanto de la Esperantista Akademio kaj Lingva Komitato. Li ankaŭ estis prezidanto de la iama K.K.K. De lia eniro en la movadon, t.e. de 1905, li montris neordinaran agemon en ĝiajn organizan kaj lingvan fakojn. Ĉiuj vizitantoj de niaj universalaj kongresoj, kiujn li ĉiujn ĉeestis krom la lasta en Parizo, memoros pri lia afableco kaj bonkoreco. La mortinto lasas al la brita esperantistaro la bonegan « Edinburgh »-Esperanta Vortaro, kaj al la tutmonda samideanaro la Esperanto-eldonon de la Sankta Biblio, kiun ĉefe li prizorgis. John M. Warden estis energia defendanto de la Zamenhofa Fundamento. Ni klinas antaŭ la cindroj de tiu bona homo kaj sincera esperantisto, kies memoron ni kare konservos, kaj prezentas al la familio kaj al la Brita Asocio la esprimon de niaj plej koraj kunsentoj en la perdo, kiun ili suferas.

Fr. Schoofs.

Al S-ino **Louis Vanhée-Caratiola** kaj al S-roj **Jean** kaj **Georges Vanhée,** gemembroj de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ilia edzo kaj patro S-ro Louis Vanhée, 21-2-'33.

Al Ges-roj **S. Dervaux-Redig,** honora vicprezidanto kaj membrino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ilia bofratino kaj fratino S-ino E. Van de Walle-Redig, 24-3-'33.

---

# NE PROKRASTU !

**pagi vian kotizon por 1933.**

La grupaj membroj pagu al la kasisto de sia grupo.
La izolaj membroj pagu al la Poŝtĉeko N-ro 1337.67 de Belga Ligo Esperantista

**Fr. 30,---.**

---

# GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

3-4-5 Junio : 22a Belga Kongreso de Esperanto en Bruselo.

10 Junio : Ĝenerala kunveno ĉiumonata. Raporto pri la Belga Kongreso.

14 Junio : Kunveno de Laborkomitato (en la sidejo : Kl. Hondstr., 11, je 21 h.)

17 Junio : Vizito al Pentekosta Foiro. Kunveno 20h.30 en « Witte Leeuw ».

24 Junio : Kantado kaj amuza vespero.

25 Junio : Ekskurso al Heide. Kunveno en Centra Stacidomo je 8 h. 30; forveturo de la vagonaro je 8 h. 53.

1 Julio : Diskutvespero pri la temo : « Kiel la Socio sin defendu kontraŭ la neobeantoj al la leĝo? », enkondukata de S-ro M. De Ketelaere.

Ĉiu sabata kunveno komenciĝas je la 20 h. 30 per kvaronhoro da lingvaj ekzercoj; alia duonhoro estas dediĉata al parolata jurnalo, kiun prezentas ĉiufoje alia membro.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

1 Junio : Aranĝoj pri la nacia belga Kongreso de Esperanto.

8 Junio : Raporto pri la nacia kongreso, prezentota de la Sekretario.

15 Junio : Paroladeto de S-ro Roger Symoens.

22 Junio : Pliperfektiga kurso, gvidota de la Prezidanto.

29 Junio : Amuza vespero.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo : « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

6 Junio : Raportado pri la 22-a Belga Kongreso. Prez. S-ro G. E. Guillaume

13 Junio : Kanta vespero sub gvidado de S-ino G. Poupeye kaj F-ino A. Boereboom. — Dum la ripozo : Poŝtmarka borso.

20 Junio : Amuza Proceso. Prez. F-ino Y. Thooris.

27 Junio : Priparolado de S-ro R. Heinkens, pri « iamaj kaj nunaj sportoj ». Poste : Redakta kaj traduka vespero. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

2 Julio : (dimanĉon) je la 10-a sur la Granda Placo : Partopreno en la sekvantaro okaze de la Kolonia Tago.

4 Julio : Kanta vespero sub gvidado de F-inoj S. Weissenborn kaj A. Boereboom. — Dum la ripozoj : Poŝtmarka borso.

11 Julio : « Bonhumoro » laŭ la libro de Paul Nyssens. Parolado de F-ino Y. Thooris.

18 Julio : Literatura Vespero. Prez. S-ino M. Algrain.

25 Julio : Redakta kaj traduka vespero. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

N.-B. — Okaze de bela vetero iu el la kunvenoj de junio aŭ julio povos esti anstataŭata per vespera promenado.

Dum junio kaj julio okazos ekskurso(j) pri kiu(j) plenaj detaloj estos donataj dum la proksimaj kunvenoj.

BRUSELO. — **" Esperantista Brusela Grupo ".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

# DU FRAGMENTOJ EL LA "PERSAJ LETEROJ"

## de Montesquieu (1689-1755)

### I. RICA AL IBBEN.

La loĝantoj de Parizo estas scivolemaj ĝis superstrangeco. Kiam mi alvenis, mi estis rigardata kvazaŭ mi estus sendita de l' ĉielo: maljunuloj, virinoj, infanoj, ĉiuj volis vidi min. Kiam mi eliris, ĉiuj alfenestriĝis; kiam mi estis en la « Tuileries », mi vidis tuj rondon formiĝantan ĉirkaŭ mi; eĉ la virinoj faris ĉielarkon milnuancan min ĉirkaŭantan. Kiam mi estis en la spektakloj, mi trovis unue cent lornetojn turnitajn kontraŭ mia vizaĝo: unuvorte, neniam homo estis tiom rigardata kiom mi. Mi ridetis iufoje, aŭskultante personojn neniam elirintajn el ilia ĉambro, kiuj diris inter si: Oni devas konfesi, ke li havas aspekton vere Persan. Admirinda afero! Portretojn de mi mi trovis ĉie! Mi vidis min multobligita en ĉiuj butikoj, sur ĉiuj kamenoj, tiom oni timis, ke oni min ne sufiĉe estis vidinta!

Tiom da honoroj ne estas sen enuo: mi ne opiniis, ke mi estas homo tiel vidinda kaj tiel malofta; kaj, kvankam mi havas tre bonan opinion pri mi mem, mi neniam estus pensinta, ke mi povus malhelpi la ripozon de granda urbo, kie mi estis ne konata. Tio igis min decidi, lasi la Persan vestaĵaron kaj surdorsigi eŭropan por konstati ĉu restus ankoraŭ en mia fizionomio io admirebla. Tiu provo igis konigi al mi, kiom mi valoris reale. Liberigita je ĉiuj fremdaj ornamaĵoj, mi estis juĝata plej ĝuste. Mi havis por plendi pri mia tajloro, kiu estis perdiginta al mi, en unu momento, la atenton kaj la estimon publikan; ĉar mi tuj eniris en abomenindan neniecon. Mi restadis kelkafoje unu horon en la societo sen ke oni rigardis min nek donis okazon al mi malfermi la buŝon: sed, se, okaze, iu sciigis al la ĉeestantoj, ke mi estas Persa, tuj mi aŭdis ĉirkaŭ mi murmuradon: ha ha, Sinjoro estas Persa? Jen afero eksterordinara! Kiel oni povas esti Persa?

### II. EN SMIRNO.

Mi estis antaŭ ne longe en societo, kie mi vidis homon tre kontentan pri si mem. En la daŭro de kvaronhoro li solvis tri demandojn pri moralo, kvar historiajn problemojn kaj kvin punktojn pri fiziko. Neniam mi vidis solviston tiel universalan. Lia spirito neniam estis kaptita de l' plej malgranda dubo. Oni lasis la sciencojn; oni parolis pri la nuntempaj novaĵoj: li pridecidis pri la nuntempaj novaĵoj! Mi volis ruzkapti lin kaj diris en mi mem: mi devas paroligi pri aferoj bone konataj de mi; mi tuj refuĝiĝis en mian landon kaj ekparolis kun li pri Persujo: sed apenaŭ mi estis dirinta kvar vortojn, kiam li jam faris al mi du kontraŭdirojn fonditajn sur la aŭtoritato de Sinjoroj Tavernier kaj Chardin. Ha, bona Dio, mi diris en mi mem, kia homo estas tio? Baldaŭ li konos la stratojn de Ispahan pli bone ol mi! Mia decido estis tuj prenita: mi silentis, lasis lin paroli, kaj li ankoraŭ pridecidas!

Tradukis L. COGEN.

# MEMORAJO PRI BICIKLADO.

Mi ofte renkontis je la « Lees » iun viron, kiu loĝis en Folkestone. Iun tagon, li proponis al mi, ke ni faru kune longan biciklan veturadon, la sekvantan tagon, kaj mi akceptis. Mi leviĝis frue, — laŭ mi. Mi faris ian penon, kaj estis kontenta pro mi mem. Li alvenis duonhoron tro malfrue. Mi atendis lin en mia ĝardeno. Estis ĉarma tago. Li diris:

— Via biciklo aspektas taŭga. Kiel ĝi rulas?

— Ho, kiel la plimulto el ili, mi respondis. Facile en la mateno; iomete pli akre post la tagmezo.

Li prenis ĝin per la antaŭa rado kaj la forko, fortege skuante ĝin. Mi diris: Ne faru tion, vi ĝin rompos.

Mi ne komprenis, kial estis necese, ke li skuu ĝin; ĝi ne faris ion malbonan al li. Cetere, se ĝi bezonis skuadon, mi estis la difinita persono por ĝin skui. Faris al mi la impreson kvazaŭ li estus batinta mian hundon.

Li diris: Tiu antaŭrado ŝanceliĝas.

Mi diris: Ĝi ne ŝanceliĝas, se vi ne ŝanceligas ĝin. Ĝi vere ne ŝanceliĝis, almenaŭ ne notinde.

Li diris: Tio estas danĝera, ĉu vi ne havas ŝraŭbilon?

Pensante, ke li tamen estas kompetentulo en la fako, mi iris al la ilarejo, por vidi, kion mi povis trovi. Kiam mi revenis, li sidis tere, la antaŭrado inter siaj kruroj. Li ludis per ĝi, turnigante ĝin per siaj fingroj; la restaĵo de la biciklo kuŝis apud li sur la gruza vojeto. Li diris: Io okazis al via antaŭ-rado.

— Ŝajnas al mi ankaŭ, mi respondis. Sed li estis homo el tiu speco, kiu neniam komprenas satiron.

Li diris: Mi pensas, ke la subteniloj estas tre maltaŭgaj.

Mi diris: Ne zorgu plu pri tio; vi laciĝos. Ni remetu la radon kaj foriru.

Li diris: Nu, nun ke ĝi tamen elestas, ni povus ĝin ekzameni.

Li parolis kvazaŭ la rado estis akcidente elfalinta. Antaŭ ol mi povis lin haltigi, li deŝraŭbis ion ie kaj elrulis sur la vojeton, en ĉiuj direktoj, kelkaj dekduoj da globetoj.

Kaptu ilin, li kriis, kaptu ilin. Ni ne povas perdi eĉ unu. Li estis tute nerva pri ili. Ni serĉadis dum duonhoro, kaj trovis dek-ses. Li esperis, ke ni estis retrovintaj ilin ĉiujn, ĉar se ne, estus grava difekto por la maŝino. Li diris, ke kiam oni malmuntas biciklon, nenion oni devas tiom prizorgi, kiom la konservado de tiuj globetoj. Li klarigis, ke oni devas zorge nombri ilin dum oni elprenas ilin, kaj zorgi ke en ĉiun lokon reiru la sama nombro. Mi promesis, ke, se iam mi malmuntos biciklon, mi memoros lian konsilon. Pro sekureco mi metis la globetojn en mian ĉapelon, kaj mian ĉapelon sur la sojlon. Ne estis tre saĝe, fari tion, mi konfesas. Estis eĉ vere ridinde. Ĝenerale parolante, mi ne agis sensprite; mi pensas, ke mi estis sub lia influo.

Tiam li diris, ke li ankaŭ ekzamenos la ĉenon, — kaj tuj komencis forpreni la ĉenkeston. Mi klopodis malkonsili tion al li. Mi rediris al li tion, kion iam amiko mia solene diris al mi: « Se io okazas al via ĉenkesto, vendu vian biciklon kaj aĉetu novan: estas pli malmultekoste. »

Li diris: « Homoj parolas tiel, kiuj nenion komprenas pri mekaniko. Ne estas io pli facile ol elpreni ĉenkeston. » *(Daŭrigota.)*

*El «Three Men on the Bummel» de J. K. Jerome.* Tradukis P. P. COLLIN.

## LA REORGANIZO DE LA ESPERANTO-MOVADO.

Konferenco, kiu okazis en Ĝenevo la 20-22 de Majo kaj en kiu partoprenis:

1) *S-ro Ed. Stettler*, prezidanto de UEA,

2) *S-ro Fr. Schoofs*, sekr.-kas. de Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj kaj reprez. de Belga Ligo Esperantista,

3) *S-ro C. C. Goldsmith*, reprezentanto de la Brita Esperantista Asocio kaj de la Brazila Ligo Esperantista,

4) *S-ro R. Dubois*, reprezentanto de la Franca Societo por la prop. de Esp., de la Hispana Esperanto-Asocio, kaj de la Kataluna Esperantista Federacio,

5) *S-ro Rob. Kreuz*, reprezentanto de la Centra Dana Esperantista-Ligo kaj delegito de la Itala Esperantista Federacio,

6) *S-ro Hugo Steiner*, reprezentanto de la Aŭstria Esperanto-Asocio

ekzamenis la situacion de la organizo de la tutmonda Esperanto-Movado. Ĝi starigis planon por prepari la vojon al interkonsento ĝenerala.

Tiu plano estas nun submetata al la landaj societoj kaj al la Komitato de UEA.

La Komitato de Belga Ligo Esperantista ĝin ekzamenos en sia kunveno de la 3a de Junio kaj povos jam raporti pri ĝi al la ĝenerala kunveno, kiu okazos la sekvantan tagon.

---

## ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**

*Adreso:* Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*

**Mallongigoj:** *Dimanĉo: D; Lundo: L; Mardo: M; Merkredo: Mk; Jaŭdo: J; Vendredo: V; Sabato: S; ĉiun duan Mk: 2.Mk: neregule, nekonata aŭ necerte: n.*

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Brno: S; Graz: J; Huizen: 2.S; Innsbruck: J; Kaunas: J; Klagenfurt: J; Krakow: 2.Mk; Leningrad: 2, 6, 9, 12, 16, 19, 22, 26 kaj 29 ĉiumonate; Lille P.T.T. Nord: D; Linz: J; Lyon-la-Doua: S; Karlskrona: n.; Marseille: 2.D; Minsk: n.; Salzburg: J; Tallinn: M; Tartu: M; Radio-Côte-d'Azur: V; Warszawa: 2.Mk; Wien: J; Zagreb: 2.S.

**Resumo pri la semajna programo en Esperanto:** Danzig: S; Heilsberg: S; Königsberg: S.

**Esperanto-kurso per Radio:** Lille P.T.T. Nord: D; Paris P.T.T.: J; Grenoble: J; Limoges: J; Radio-Côte-d'Azur: V; Le Hâvre: 2V; Ljubljana L; Genève: J; Huizen: M; Lyon-la-Doua: D; Radio-Lyon: D; Sottens: J.

**Aŭskultu la Esperanto-dissendojn! Skribu al la Radio-sendstacioj!**




## EL BULTENO N-RO 4

*Donacoj* por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun ni recivis gmk. 155,98.

*Blindula Kaso:* La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj gesamideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 134,97.

*Aliĝoj:* Ĝis nun anoncis sian aliĝon 443 personoj el 27 landoj.

*Fakaj kunvenoj:* Krom la jam cititaj oni anoncis la sekvantajn fakajn kunsidojn: (Pri detaloj oni turnu sin al la organizantoj):

Internacia Scienca Asocio: S-ro Rollet de l'Isle, 35, Rue du Sommerard, Paris 5-e.

Universala Pacifista Ligo: S-ro E. Dahl, Ridhusgatan 6, Uddevalla (Sved.)

Unuiĝo de Esperantistaj Virinoj: S-ino Elise Jakobs, Mathildenstr. 9, Flensburg (Germanujo).

Aliaj organizantoj bonvolu sufiĉe frue anonci siajn dezirojn.

*Specialaj kontoj por kongresanoj:* Ĉar grandaj monsumoj ne estas forsendeblaj el diversaj landoj, LKK aranĝos al la kongresanoj specialajn kontojn, al kiuj oni iom post iom povas pagi iujn sumojn. La senditaj sumoj estos repagataj al la kongresanoj post ilia alveno en Köln.

*Konkurso.* — LKK decidis aranĝi konkurson pri prologo rilate la 25-an Kongreson.

Kondiĉoj: ĝi estu apoteozo pri la Jubilea Kongreso. La prologo surhavu devizon; la adreso de la aŭtoro estu aldonata en fermita koverto kun la sama devizo. Lasta dato por alsendoj al LKK: 1-6-1933.

Premioj: I.: gmk 75,—. II.: gmk. 25,—. III. kaj IV.: po 1 Kongreskarto.

Premia Komitato: S-roj Behrendt, Butin, Lippmann, LKK.

*Postkongresaj vojaĝoj:* Tuj post la kongreso okazos: 1. ekskursoj de Kolonjo tra Rejnlando kaj Vestfalio; 2. libertempa restado en Rejnlando.

Detaloj sekvos.

Baldaŭ aliĝo faciligos nian laboron kaj donos al ni la eblon, plivastigi la

## EL BULTENO N-ro 5.

*Donacoj* por la kongresa kaso. Ĝis nun ni ricevis gmk. 156,45.

*Blindula Kaso:* La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 136,97.

*Aliĝoj:* Ĝis nun anoncis sian aliĝon 507 personaj el 27 landoj.

Laŭlanda statistiko: Alĝerio 1, Anglujo 62, Aŭstralio 1, Aŭstrio 16, Belgujo

21, Brazilo 2, Ĉeĥoslovakujo 17, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1, Finnlando 1, Francujo 49, Germanujo 202, Hispanujo 24 (inter ili 3 el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 16, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 49, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1—12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saar-teritorio 1, Skotlando 5, Svedujo 5, Svislando 9, Usono 1.

*Fervoja rabato en Germanujo:* Karavanoj de 12 personoj ricevos 33 %-an rabaton; karavanoj de 50 personoj ricevos 40 %-an rabaton.

Izoluloj uzantaj la fervojon rajtas uzi tiel nomatajn « Sommerurlaubskarten » (someraj feriaj biletoj), kiuj validas 2 monatojn (rabato de 20 %), se oni pagas bileton por minimume 200 km. Ĝi estas mendebla en ĉiuj grandaj fervojoficejoj en- kaj eksterlandaj. Interrompo de la vojaĝo estas permesata unufoje dum la alveturo, trifoje dum reveturo. La reveturo de Kolonjo povas okazi de post la 7-a tago de forveturo.

*Loĝejoj:* La prezoj por hoteloj estas fiksitaj laŭ la sekvantaj detaloj:

Kategorio A: luksaj hoteloj. — Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado (trinkmono) gmk. 9.50.

Kategorio B: komfortaj hoteloj. — Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado (trinkmono) gmk. 6.50.

Kategorio C: simplaj hoteloj. — Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado (trinkmono) gmk. 5.—.

Kategorio D: modestaj hoteloj. — Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado (trinkmono) gmk. 4.—.

Ĉiuj hoteloj situas tute proksime de la ĉefstacidomo kaj kongresejo.

*Malkaraj loĝejoj por gejunuloj:* LKK povas disponi pri jenaj loĝejoj en domoj de katolikaj societoj:

Kategorio E: Ĉambro kun matenmanĝo, inkluzive de servado po nokto kaj persono gmk. 3.—.

Kategorio F: Ĉambro kun 2—4 litoj kun matenmanĝo, inkl. de servado, po nokto kaj persono gmk. 2.—.

Kategorie G: Ĉambrego por 20 personoj kun matenmanĝo, inkl. de servado, po nokto kaj persono gmk. 1,50.

La loĝejoj estas proksime de la ĉefstacidomo. Nokte sinjorinoj aŭ fraŭlinoj devas esti hejme je la 23.30 h. Sinjoroj povas eniri la domon ĝis la 2-a nokte.

*Postkongresaj ekskursoj: Rejnveturado de Kolonjo ĝis Bingen/Frankfurt.*

Programo: 6.8.33. — Köln forveturo 8,31 h. Koblenz alveno 9,52 h. Akcepto de esperantistoj. Veturo per aŭtomobiloj tra la urbo. Vizito al kastelo Stolzenfels kaj fortikaĵo Ehrenbreitstein. Veturo al monteto Rittersturz. Tagmanĝo en Koblenz. — Koblenz forveturo 15,05 h. per ŝipo. Bingen alveno 20,05 h. Akcepto de esperantistoj. Vespermanĝo, festeto kaj tranokto en Bingen.

7.8.33: Bingen forveturo 9,00 h. Al Assmannshausen. Promenado tra arbaro « Niederwald » al Rüdesheim. Reveturo al Bingen. Tagmanĝo. Bingen forveturo 13.10 h. Mainz alveno 13,42 h. Akcepto de esperantistoj. Rondveturoda kaj vizito al la Katedralo. Ekskurso al Wiesbaden kun veturo al « Neroberg ». Kunestado kun Wiesbaden'aj esperantistoj. Vespermanĝo kaj tranokto en Mainz.

8.8.33: Mainz forveturo 11,23 h. Frankfurt alveno 11,56 h. Akcepto de esper-

antistoj. Tagmanĝo. Rondveturo tra la urbo. Vizito al Goethe-domo. Post vespermanĝo finiĝos la ekskurso.

Tutvojaĝa prezo por ĉiu partoprenanto estas gmk. 46.

Prezo por partoprenanto ĝis inkluzive de tagmanĝo en Bingen, la 7.8.33, estas gmk. 25,—.

---

## PROGRAMO DE LA KONGRESO:

Interkonsente kun la ICK ni starigis la sekvantan provizoran programon de la kongreso:

*Sabato 29.7.33.* — 10 h. 1-a kunsido de la ICK-anoj (kun LKK). — 11 h. 1-a kunsido de KR. — 15 h. Jarkunveno de la Germana Esperanto-Asocio. — 18 h. 1-a kunsido de UFE, KR kaj ICK. — 20.30 h. Interkonatiĝa Vespero.

*Dimanĉo 30.7.33.* — 8.30 h. Diservoj. — 10.30 h. Solena Malferma Kunsido. — 16 h. Malfermo de la Somera Universitato. — 17 h. Kunsido de UEA-Komitato. — 18 h. 2-a kunsido de la ICK-anoj. — 20.30 h. Literatura vespero.

*Lundo 31.7.33.* — 9 h. Fakkunsidoj. — 10 h. 1-a Laborkunsidoj. — 14.30 h. Fakkunsidoj. — 16 h. Somera Universitato. — 17 h. Somera Universitato. — 17 h. 2-a kunsido de KR. — 18 h. Fakkunsidoj. — 18.30 h. 1-a Kunsido de UFE.

*Mardo 1.8.33.* — 9 h. Fakkunsidoj. — 10 h. 2-a Laborkunsido. — 19 h. 3-a Kunsido de la ICK-anoj. — 15 h. Fakkunsidoj. — 15.30 h. 2-a Kunsido de UFE. — 17 h. 3-a Kunsido de KR. — 20.30 h. Rejnlanda Vespero.

*Merkredo 2.8-33.* — 9 h. Fakkunsidoj. — 10 h. UEA-Kunveno. — 15 h. Somera Universitato. — 16 h. Somera Universitato. — 17 h. 2-a kunsido de UFE, KR kaj ICK. — 17 h. Fakkunsidoj. — 18 h. Fakkunsidoj. — 20.30 h. Festaranĝo de UEA-jubileo.

*Jaŭdo 3.8.33.* — 10 h. Tuttaga ŝip-ekskurso al la Sepmontaro (Königswinter).

*Vendredo 4.8.33.* — 9 h. Fakkunsidoj. 10 h. 3-a Laborkunsido. — 14.30 h. Vizitoj al diversaj famaj fabrikejoj. — 15 h. Fakkunsidoj. — 16 h. 4-a Kunsido de la ICK-anoj. — 20.30 h. Internacia Balo.

*Sabato 5.8.33.* — 10 h. Ferma Kunsido. — 14 h. Ekskurso. — 20.30 h. Gaja Vespero laŭ Kolonja maniero (aranĝota de la lokaj grupoj Köln).

*Dimanĉo 6.8.33.* — Postkongresaj ekskursoj.

*Rabatitaj tramvojbiletoj por la kongresanoj de la 25-a.* — Jus la urba administracio promesis eldoni tramvojbiletojn po gmk. 0.50 por ĉiu tago. La kongresanoj rajtos veturi per tiuj kartoj sur ĉiuj linioj la tutan tagon.

*Senpagan viziton al ĉiuj urbaj muzeoj* ĝuos la kongresanoj de la Jubilea Kongreso.

*Samideanoj de la tuta mondo, venu al la 25-a Universala Kongreso de Esperanto. Venu al la bela Rejna Bordo kaj Kolonjo, urbo de komprenemo kaj bonhumoro.*

*Ni faris kaj faros por vi ĉion por kontentigi vin!*

LOKA KONGRESA KOMITATO.

# BONHUMORO

LA KIALO. — Al Toto oni tre multe laŭdas lian profesoron, kiun oni reprezentas kiel tre instruita viro.

— Ne mirinde, diras Toto, dum dudek kvin jaroj li estas en la klaso.

La instruistino klopodas komprenigi la diferencon inter la rozo kaj la violo kaj uzas iom bildajn klarigojn. Bela sinjorino portanta luksan tualeton fiere pasas tra la strato, ne salutante kiun ajn : estas la rozo. Malantaŭ ŝi venas malgranda kreitaĵo, kiu marŝas kun mallevita kapo...

Voĉo el la fondo de la klaso : « Tio estas ŝia edzo!... »

Dum balo, iu sinjoro marŝas sur la vestaĵo de sinjorino, kiu kolere sin returnas, sed tuj ŝanĝante sian mienon : Pardonu, Sinjoro, mi preskaŭ koleris... mi kredis, ke estis mia edzo!

*Ŝi.* — Kial vi diris al via amiko, ke vi edziĝis je mi, tial ke mi estas bona kuiristino? Vi scias, ke mi ne kapablas kuiri, eĉ ne terpomon!

*Li.* — Sed, karulino mia, mi ja devis trovi senkulpigon...

PENIGA PROFESIO. — Vi diras, ke vi estas impostpaganto. Sed, tio ne estas profesio.

— Pardonu, Prezidanta Moŝto, ĝi estas ja, sed kompreneble ne tre profitdona.

LIA LASTA DEZIRO. — La juĝisto demandas al kondamnito je morto, ĉu li havas lastan peton. La kondamnito leviĝas kaj diras pene :

— Mi petas, ke tuj post mia ekzekuto, oni konduku min al la frenezulejo.

— Kial? mirigite demandas la juĝisto.

— Sed, ĉar mi estos perdinta la kapon.

STULTAĴO. — S-ro Prudhomo donas lecionojn al sia filo :

— Sciu, mia infano, ke la precizeco kaj la akurateco estas du grandaj virtoj en la vivo : imitu la sunon, kiu leviĝas akurate je la ektagiĝo, neniam antaŭ, neniam post.

— La fiŝo, kiun vi hieraŭ vendis al mi, ne estis freŝa.

— Sed, Sinjorino, mi prezentis ĝin al vi dum la tuta semajno... Kial vi ne aĉetis ĝin la unuan tagon?

*La pastro:* Kaj kio puŝis vin al la trinkado, mia amiko?

*La pentanta drinkulo:* La soifo, pastra moŝto, nur la soifo!

MALFIDO. — Inter komercistoj :

— Vi diras, ke vi ne fidas la novan bankon Krakmon kaj Kompanio?

— Jes.

— Kaj kial do?

— Hieraŭ mi estis en la kafejo; subite eniris la kasisto de la banko. Ĉu vi scias, kion li mendis?

— Nu, diru...

— La horaron de la fervojoj !

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*ROMAJ ELEGIOJ. — LA TAGLIBRO de Goethe. Traduko de K. Kalocsay. Eldono de Literatura Mondo, Budapest 1932. 80 Paĝoj, 10,5×14 cm. Prezo: Us. Dol. 0.60 bind.; 0.40 broŝ.*

Ni konas la majstrecon per kiu Kalocsay estras la Esperantan verson kaj ni retrovas ĝin ankaŭ en tiu ĉi verketo, kvankam la traduko iom katenas la liberan flugadon, kiun ni en la originalaj verkoj admiras ĉe la poeto. Kiu konas la temon de la koncernaj verketoj de Goethe scias, ke la enhavo estas diversmaniere prijuĝata; ankaŭ la aŭtoro en la antaŭvorto trovas necese pledi por pravigi la elekton, kiun li faris.

*TRANS LA FABELOCEANO de Francisko Szilàgyi. Noveloj. Eldonis Literatura Mondo. Budapest 1931. 136 Paĝoj. 13,5×20 cm. Prezo: Us. Dol. 1.— bind.; 0.60 broŝ.*

En fabela formo la aŭtoro prezentas al la Esperantistaro la kristaliĝon de meditadoj pri la modernaj situacioj kaj homoj. Amara vivkoncepto parolas el tiuj paĝos, kiujn tamen lumigas la lerta kaj ridetanta stilo. Singulto sin kaŝas sub la gaja masko. Iuj humoraj dornetoj kelkloke montriĝas, ne indulgante eĉ propran emon al neologismoj. Tiel paĝ. 38: « Adama kaj Evo... havis konfidindajn informojn, ke ili nek rajtas, nek LICAS, nek DARFAS manĝi el la fruktoj... » Paĝ. 39: « Tre bone ridis la serpento kiu aspektis tute senkulpa, honesta estaĵo, kvazaŭ asekur-agento, aŭ advokato... » Paĝ. 40: « Sed... Evo... ne sciis ke la serpento estas delegito de U.I.A. (Universala Infera Asocio)... Adamo. Venu! Manĝu el la pomo. Manĝu kaj vi scios. Mi jam scias. — Kion vi scias? demandis Adamo kurinta tien. — Ke la infanojn ne la cikonio alportas. » La fino de la fabelo pri la malgaja reĝidino estas originala en tiu senco, ke ne estas fino, kaj ke la fantazio de la leganto povas imagi la « feliĉan finon » de la usonaj filmoj aŭ ĝuste la kontraŭan laŭ la temperamento. Iom ĝenaj preseraroj: paĝ. 67 « li havis », por « ŝi havis », paĝ. 89 « ŝi aludis », por « li aludis », paĝ. 69 « barberoj », ĉu por « barbharoj », ĉu por «barbiroj»? Efikas strange ke la paĝoj 83 ĝis 90 estas presitaj per iom pli malgranda letertipo ol la resto de la libro. Ĉiun fabelon ornamas modern-arta simbola ilustraĵo, kiu kurioze sintezas la enhavon.

*LA OKULOJ DE LA ETERNA FRATO. Stefan Zweig. Legendo. El la germana lingvo tradukita de Helene Wolff, Kleve. Ksilografaĵoj de Fritz Dücker. Propra eldono de la tradukintino. En komisio ĉe Heroldo de Esperanto, Köln, Germanujo. 65 Paĝoj. 14×20 cm. Prezo Gmk. 1.20 broŝ.*

« Tiu ĉi estas la historio pri Virata, kiun lia popolo laŭdegis per la kvar nomoj de la virteco, sed pri kiu estas skribite nek en la kronikoj de la reĝoj, nek en la libroj de la saĝuloj, kaj kies memoron la homoj forgesis. » Tre kapta rakonto pri Hinda saĝulo serĉanta ĉiam pli grandan saĝon kaj kiu fine alvenas al tiu saĝeco rekomendita de la Imitado de Kristo, Libro III, Ĉap. 23: faru aliulan volon prefere ol vian; pliŝatu la plej malgrandan parton; serĉu la plej malaltan suban rangon. — La traduko estas bonega krom kelkaj distrecaj eraroj: paĝ. 63 « Estos eble ke KELKo ŝajnas pli granda al la homoj... » anstataŭ « ke IO ŝajnas »; paĝ. 24: « Cedu al mi lunperiodon da silento, por ke mi iru vojon al la vero, kaj dispensu min SILENTI pri la vojo antaŭ vi ». Devas esti kompreneble: « dispensu min PAROLI pri la vojo ».

*KOPENHAGO, La Ĉefurbo de Danlando. — Bela dekpaĝa faldfolio ilustrita, kiun la dana turista unuiĝo eldonis en Esperanto. Ĝi estas senpage havebla ĉe la Societo de Danaj Esperantistoj, Fredericiagade 6, Kopenhago.*

*PANGEA. La sole ebla eliro el la mondkrizo. Rudolf Herceg. Komisiita eldonejo Heroldo de Esperanto, Köln Germanujo. 23 Paĝoj. 13×20 cm. Prezo: Gmk. 0.30.*

La aŭtoro proponas al si pruvi, ke 1° la krizo estas ĝenerala, 2° ke ĝiaj kaŭzoj estas a) la (subjektiva kaj objektiva) malharmonio inter la produktado kaj konsumado; b) la malĝustaj rilatoj inter la apartaj kategorioj de la produktado; c) hipertrofio de la individualismo persona kaj nacia; d) manko de kontakto kun la naturo. La solvo konsistas en reorganizado de la administrado, de la juro, ekonomio, etiko, estetiko, sociologio, ktp. por atingi tute novan sistemon ĉirkaŭprenantan la tutan homaron.

*LA HONTEMULO. LA UNUA KISO. Herman Bang. N-ro 5. AMO KAJ PANO. AUTUNO. Aŭgusto Strindberg. N-ro 6 de la Esperantlingva Novelbiblioteko redaktata de Leono Vienano. Ambaŭ tradukoj de ĉi tiu lasta. Eldonejo N. Szapiro, Warszawa. Respektive 32 kaj 41 paĝoj. 14×20 cm. Prezo de ĉiu volumo Sv. Fr. 0.45.*

La senpretenda prezo de la kajeroj de la Novelbiblioteko permesas al komencantoj trovi legaĵojn, kiuj kapablos veki ilian intereson ne fortimiganta ilin per la dikeco kaj longeco de kelkcentpaĝaj libroj. Kiu volas post elementa kurso dediĉi iom da tempo al la tralaborado de tiuj ĝenerale bone redaktitaj broŝuroj, spertos tujan perfektiĝon. Nur estas bedaŭrinde, ke la elekto de la noveloj ne estas ĉiam farita kun la celo servi kiel eble plej grandan rondon de interesatoj. Tio estus atingebla elektante temojn kun pli sana kaj energia vivkoncepto ol ni trovas en kelkaj rakontoj. Apude de tio, ĉu la esprimo « senedziĝa infano » ne estus pli bone dirita « eksteredzeca infano ».

*ODUSSEIAS DE HOMEROS. El la antikva greka lingvo tradukis W. J. A. Manders. Eldonejo: Firmo W. J. Thieme & Cie, Zutphen, Nederlando. 294 Paĝoj. 15×22 cm. Prezo Broŝ. Ned. Guld. 3.90; bind. 4.65.*

La eldonejo Thieme daŭrigas la serion de ampleksaj eldonaĵoj kiel ni jam vidis en ĝi: Jane Eyre, Imperiestro kaj Galileano, Leono de Flandrujo, ktp. Ankaŭ tiu ĉi Odusseias pruvas la entreprenemon de tiu firmo, kiun ni varme gratulas pro tiu bele prizorgita volumo. Pri la traduko, ni diros, ke ni legis facile kaj flue la glatajn frazojn, la arte ĉizitajn periodojn, kaj tio ne estas malgranda laŭdo en traduko el antikva lingvo, kie la tradukinto povus prezenti krutan, interplektitan frazaranĝon, pretekstante tiel pli precize redoni la belecon de l' originalo. Kiuj iam tiel faris, certe ne pripensis ke ĉiu lingvo havas sian genion kaj se Esperanto permesas ĉiuspecajn vortinversiojn, la finita beleco tamen konsistas en granda simpleco kaj konformeco al la Esperanta ritmo kaj spirito.

Kelkajn malatentaĵojn: paĝ. V: La grekaj nomoj ĉiam havas la akcenton sur unu el la lastaj VORTOJ (anstataŭ SILABOJ), ch oni elparolas kiel h (anstataŭ kiel ĥ). paĝ. 2 « post LIAN revenon » (anstataŭ post LIA reveno); paĝ. 23 « haSarde » (anst. haZarde). Paĝ. 29 « preciSe » (anst. preciZe). Paĝ. 25 « suZuranta » (anst. suSuranta); paĝ. 63 « returneN fluegante » (anst. returnE). Tiu vorto indikas manieron kaj ne estas CELO de direkto; estas do erare, ke oni ĝin provizas per la direkta N.

Pri la elparolado de la greka u (germana ü aŭ y) kiun la aŭtoro ne precizigas dirante: u havas sonon inter Esp. i kaj u (ü), la aŭtoro estus farinta pli bone uzante en la Grekaj nomoj entute la Esperantan ortografion kaj por u, ĉu ü, ĉu y kiu havas la saman sonon en diversaj lingvoj. Tiel oni havus: « Odüseias aŭ « Odyseias » (anst. Odusseias), « Kalüpso » aŭ « Kalypso » (anst. Kalupso), « Olümpos » aŭ « Olympos » (anst. Olumpos), « Sküla » aŭ « Skyla » (anst. Skulla), « Ĥarübdis » aŭ « Ĥarybdis » (anst. Charubdis), « Dionüsos » aŭ « Dionysos » (anst. Dionusos).

---

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.